Lasta numero de la 5a jaro.

5a jaro. — N-ro 12 (60). Oktobro 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

REDAKCIA PARTO:
Oscar VAN SCHOOR

ADMINISTRACIA PARTO:
Frans SCHOOFS




**ENHAVO**: Pastro Austin Richardson. — Carlo Bourlet. — Raporto pri la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso. — Unua Internacia Kongreso por la helpo al militaj vunditoj. Raporto de S-ro A. J. Witteryck. — Belga Kroniko. — El « La Amuzistoj ». — Avizo.

*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —




## Komunikaĵo al la Esperantistaj grupoj kaj federacioj

Se vi organizos esperantajn festenojn, uzu ĉiam la belegan multkolore presitan manĝokarton (9 1/2 × 14), kiun ĵus eldonis nia amiko ARTH. VERMANDEL, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen, laŭ la desegnaĵo de nia samideano ANT. CASSIERS famkonata arĥitekturisto en Antwerpen.

Ili estas haveblaj je la prezo de fr. 6.00 (Sm. 2.400) por 100 ekzempleroj, afrankite. Oni estas petata aldoni la monon al la mendo, per transpagilo aŭ poŝtmandato.

5a JARO. OKTOBRO 1913. 12a No (60)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| **Redakcia parto :** | **Administracia parto :** |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




**Pastro Austin RICHARDSON**

Vicprezidinto de la « Belga Ligo Esperantista »
Prezidinto de la grupo « La Zamenhof »
Ano de la « Lingva Komitato »

# Pastro Austin Richardson

La legantoj de «Belga Esperantisto» jam estas sciigitaj pri la morto de nia altestimata amiko kaj kunbatalanto, Pastro Austin Richardson.

Tiu novaĵo faris sur min tre doloran impreson. Multaj esperantistoj konis la nomon de Pastro Richardson, sed malmultaj sciis, kiun grandan rolon li ludis en nia movado, ĉar li apartenis al tiuj malmultnombraj homoj, kiuj faras ĉion silente kaj neniam serĉas rekompencon nek laŭdadon de la homoj.

La mortinto estis viro tre konata en la mondo kiel grava propagandisto, kaj lia influo sur la esperantistoj, kaj precipe en nia lando, estis grandega. Li sin fordonis al nia movado per sia tuta koro. En la lastaj jaroj li vivis preskaŭ ekskluzive por Esperanto, kaj al lia energia laborado la esperantistaro ŝuldas multajn el siaj sukcesoj; li senlace laboris por sukcesigi la enkondukon de nia lingvo Esperanto en multajn internaciajn entreprenojn, ekz. la pacmovado (ĉar li estis grava pacifisto), la protektado de la junulinoj, k. t. p.

Austin Richardson naskiĝis en Abeynoober (Orienta Hindujo) la 21an de Oktobro 1843. Lia patro estis angla militista kuracisto; lia patrino estas tre klera persono kaj tre konata en Genève: ŝi ricevis ĉe la tiea Universitato la titolon de doktoro «honoris causa». Li mem faris siajn studadojn en la seminario de Mechelen, kaj pastriĝis tie la 20an de Decembro 1873. Li estis alprenata kiel profesoro de Angla lingvo en la Instituto Sta-Ludoviko de Brussel la 20an de Septembro 1873.

Estante jam ne tuta sana, li tamen forveturis al la 9a Internacia Kongreso en Bern. Li foriris kelkajn tagojn pli frue por ne tro sin lacigi, kaj restis dum du tagoj ĉe sia amiko, Pastro Pernoud en Bossey.

Malfeliĉe, dum la nokto de la 19a ĝis la 20a, dum okazis grava uragano, li subite malsaniĝis kaj vokis sian amikon, kiu tuj alkuris; sed post dek minutoj li mortis, frapita de pulmedemo.

La 22an, je la 10a matene, la sonorilo de la preĝejo de Bossey vokis la loĝantaron al la malgaja ceremonio.

Je la enirejo de la preĝejo oni rimarkis du esperantistajn standardojn, kaj sur la ĉerko estis du belegaj kronoj kaj unu palmobranĉo senditaj de la esperantistaj grupoj de Genève kaj de amikoj de la mortinto. Inter la ĉeestantoj estis S-ino Milsom, F-ino Damon-Pichat, S-ro Lenziger, el Bern, S-roj Privat, Hodler, Ostrowski, Spiller, Poncet, kaj aliaj gesamideanoj.

Je la fino de la diservo, S-ro Privat priskribis la vivon de nia senlaca samideano kaj dankis la loĝantaron de Bossey pro la simpatio, kiun ĝi montris al tiu, kiu estis la granda amiko de ĉiuj geesperantistoj.

Kiu ajn estas nia nacieco kaj filozofiaj ideoj, ni ĉiuj amis kaj respektis lin. En ĉiuj mezoj, kie la pasis, li lasis ĉiam amikan memoraĵon, kaj mi estas certa, ke eĉ ne unu samideano estis tiel amata, kiel li.

Ni klinu nin antaŭ la kara cindro, kaj nin konsolu la konvinkiĝo, ke la mortinto ne vane semis la bonon kaj veron

Ni konservu lian memoron!

ARTHUR VERMANDEL.

# CARLO BOURLET

Terura bato frapis la koron de la Esperantistoj. Carlo Bourlet mortis. Li mortis en plena forto, en la momento, kiam li ekrikoltis la fruktojn de laborplena vivo.

La 1 de Aŭgusto il alvenis en Duingt, vilaĝo sur la bordo de la Lac d'Annecy, meze de rava pejzaĝo. Tie lia familia restis jam de kelka tempo, kaj li prepariĝis kun neimagebla plezuro, por ĝui merititan ripozon. La tagon de sia alveno li manĝis fiŝon ĉe la tagmanĝo kaj englutis brankon, kiu malfeliĉe alkroĉiĝis en la ezofago. Malgraŭ ĉiuj flegoj li post grandaj suferoj mortis la 12 de Aŭgusto en Annecy, kie oni estis lin transportinta. Li estis 47jara.

Aliaj diros la meritojn de la sciencisto, de la matematikisto. Mi nur volas skizi mallonge la vivon de la Esperantisto.

Carlo Bourlet interesiĝis pri Esperanto dank' al la persistemo de unu el siaj amikoj, la eminenta kaj bedaŭrata matematikisto Charles Méray, kiu, en la fino de la jaro 1900, sukcesis varbi lin. En tiu tempo la Grupo Pariza ekzistis de nur ses monatoj kaj kalkulis tridek membrojn. Ĝi tiam havis nek publikajn kursojn, nek kunvenejojn, kaj malgraŭ la klopodoj faritaj de la unuaj pioniroj nia lingvo estis konata en Franclando de apenaŭ kelkcentoj da personoj. Carlo Bourlet tuj post sia eniro en niajn vicojn dank' al sia alta scienca situacio, al sia rimarkebla laborpovo, al sia senlima sindonemo, povis rapide doni al nia afero decidan antaŭenpuŝon.

Li ricevis, kun la helpo de kelkaj eminentaj amikoj, la apogon de la franca Turing Klubo kaj, en Majo 1901, komencis en ĝiaj salonoj kurson de Esperanto. Ĉe la unua leciono li nenion sciis pli ol siaj lernantoj, sed la lernanto - profesoro faris rapidajn progresojn. La 17 de Julio de la sama jaro li akceptis la prezidantecon de la Pariza Grupo kaj de tiam la esperantista movado rapide disvastiĝis en Parizo, en Franclando kaj eksterlande.

Ricevinte dank' al sia persona influo kunvenajn ĉambrojn en la Sorbonne por la Grupo Pariza kaj la helpon de grava eldonista

firmo por la publikigo de esperantistaj libroj, Carlo Bourlet ekorganizis la propagandon en Franclando kun la helpo de la Turing Klubo. De 1902 la paroladoj kaj kursoj pli kaj pli multiĝas. Kun juneca fervoro, kun konstanta bonhumoro kaj mirinda agemeco, li prenis sur sin preskaŭ la tutan laboron. En la urboj de provinco, kie oni povis organizi paroladon, li sukcesis krei kursojn kaj propagandajn grupojn dank' al sia simpla elokventeco, al sia rimarkinda kapableco klarigi la plej malsimplajn demandojn, al sia forto de konvinko. Dum la jaro 1902 li tiel fondis 18 novajn grupojn, kaj, se oni pripensas, kiom malfacila estis la agado de la pioniroj de Esperanto en tiu tempo, oni povas taksi je ilia ĝusta valoro la klopodojn, kiujn reprezentis tiu rezultato ŝuldita grandaparte al Carlo Bourlet.

Tiuj klopodoj daŭris dum la sekvintaj jaroj kaj la Grupo Pariza senĉese prosperis. Oni estis malproksime de la tridek membroj de l' komenco. Mi memoras kun kia ĝojo Carlo Bourlet komunikis al mi la listojn de novaj membroj, la progresojn de nia grupo. La Grupo Pariza tiel disvastiĝis iom post iom, per la fondo de Sekcioj, la publikigo de bulteno « Paris Esperanto », la organizo de monataj vespermanĝoj, de konkursoj kun disdonado de premioj en la Sorbonne, k. t. p., kaj ĝi baldaŭ fariĝis societo grava, kun pli ol mil membroj. Kaj malgraŭ tio, dum li daŭrigis la tutan materian laboron de komplika organismo, Carlo Bourlet plivastigis sian agadkampon. En Septembro 1906 li fondis « La Revuo'n », kiun li direktis kun neimagebla zorgo, legante dutrifoje ĉiujn presprovaĵojn. Li organizis la Florajn Ludojn, bataladis kontraŭ niaj malamikoj, precipe en Belgujo, verkis artikolojn en la francaj ĵurnaloj, « babilis» en « La Revuo », helpis al ĉiuj, ricevis centojn da leteroj, senlace respondis al ĉiuj, starigis la Komisionon pri Propagando en la Franca Societo, laboris kiel Vic-Prezidanto de la Konstanta Komitato, helpis al la organizo de la kongresoj en Cambridge, Dresden kaj Barcelono, unuvorte dediĉis al Esperanto pli ol la duono de sia vivo.

Carlo Bourlet posedis ĉiujn kvalitojn, kiuj faras la homkondukantojn. Li atentis pri la opinio de ĉiuj, li amis la justecon, la toleremon, la bonkorecon, li estis simpla kaj lojala, ĉiam bonhumora. Por ni li estis ekzemplo mirinda de laboro kaj sindonemo. Kiam oni vidis lin akcepti ĉiujn taskojn, senlace klopodi, gaje labori, kun la sola priokupo esti utila al nia afero, oni entuziasme grupiĝis ĉirkaŭ li. Kaj kiam li disdonis al siaj kunlaborantoj la taskojn, kiujn li mem ne povis fari, ĉiu el ni gaje akceptis la parton al li rezervitan kaj ne unu momenton ni pensis, ke ni povus rifuzi.

Antaŭ tri semajnoj mi pasigis vesperon kun Carlo Bourlet. Ni parolis pri la organizo de la Deka Kongreso. Kiajn belajn planojn ni malvolvis! Carlo Bourlet volis starigi Kongreson vere sensacian, kaj li volonte akceptis aldoni al siaj okupoj tiun pezan ŝarĝon. Tamen li diris al mi, ke post la Kongreso li intencas ripozi, kaj lasi

al aliaj la zorgon daŭrigi la plej grandan parton de siaj laboroj por Esperanto. Ve! Tiun ripozon, kiun li antaŭvidis en proksima estonteco, tiun ripozon de la bona laboristo, kiu finis sian labortagon, tiun ripozon, kiun oni ĝuas ĉe l' vespero de bone uzita tago, Carlo Bourlet ne ĝuos ĝin. Kruela sorto malpermesis, ke post tiu jaro de laboro li povu resti trankvile kelkajn semajnojn apud sia familio. Subite, antaŭ ol lia laboro estu finita, li endormiĝis por ĉiam, kaj nur tro frua Eterna Ripozo al li estis destinita.

Kia malpleno li lasos en niaj vicoj! Ni ne plu vidos lin en niaj Kongresoj, konatiĝante kun ĉiuj, partoprenante en niaj diskutoj, ĉiam por *pacigi* kaj *klarigi*, montrante entuziasmon kaj fortan kredon al la fina sukceso de nia bela entrepreno.

Kara Direktoro kaj amiko! Vi neniam ŝparis vian inteligentecon, vian tempon, vian influon, vian monon por helpi al la sukceso de nia kara Esperanto, por defendi ĝin, por progresigi ĝin. Vi estis *propagandisto* en la plej nobla senco de l' vorto. Via memoro restos vivanta inter ni. Kaj la ekzemplo de viaj dek-du jaroj da sindona laboro por nia afero pligrandigos nian kuraĝon, fortigos nian energion, certigos nian persistemon. Kaj laborante por la prospero de Esperanto, kiun vi tiom amis, ni bone servos al via memoro....

*(La Revuo.)* GABRIEL CHAVET.

---

## RAPORTO pri la

# Internacia Esperantista Semajno-Kongreso

*Okazinta en Gent de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto 1913.*

La *Esperantista-Semajno*, kiu okazis en Gent de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto, plene sukcesis. Ĝi estis vere internacia, ĉar al la alvoko de la organizintoj respondis pli ol 500 gesamideanoj el 18 diversaj nacioj.

Jam de la unua tago, Jaŭdon 14an, aro da gekongresanoj kunvenis en la akceptejon (komunuma lernejo, kiun la urbestraro afable metis je la dispono de la kongresanoj) por ricevi siajn kongresajn dokumentojn kaj sciigojn pri la loĝejoj. Vespere, ili ĉeestis, en la Flandra Teatro, la ĝeneralan provripeton de la ludotaj teatraĵoj.

**Vendredon 15an**, je la 10a matene, okazis la malferma kunsido de la kongreso. S-ro ALBERT MAERTENS, prezidanto de la Organiza Komitato, deziras la bonvenon al la gekongresanoj, dankas ilin pro ilia multnombra ĉeesto, kaj esperas, ke ili pasigos en Gent agrablan semajnon. Li legas telegramon sciigantan ke Lia Reĝa Moŝto ALBERTO I honoris la Kongreson per Sia Alta Protektado; li sciigas, ke la urbestro de Gent kaj la provincestro de Orienta Flandro akceptis la honorajn prezidantecojn de

la Kongreso; li dankas tiujn aŭtoritatulojn pro ilia simpatio al nia movado, kaj speciale la provincestron, Lian Baronon Moŝton DE KERCKHOVE D'EXAERDE, kiu pruvas sian intereson al Esperanto honorante la malferman kunsidon per sia ĉeesto.

Poste S-ro MAERTENS prezentas la prezidantecon de l'Kongreso al S-ro WITTERYCK, prezidanto de la *Belga Ligo Esperantista*. Antaŭ ol malfermi la Kongreson, S-ro WITTERYCK, emociplene, informas la ĉeestantaron pri la subita morto de S-ro CARLO BOURLET, la vigla kaj lerta franca samideano, direktoro de *La Revuo* kaj vicprezidanto de la *Konstanta Komitato de la Kongresoj*, akcidente trafita de l'blinda morto, dum li tiel lerte organizadis la 10an Internacian Kongreson. La ĉeestantaro stare aŭskultas tiun malĝojigan komunikajon.

Poste S-ro WITTERYCK diras la jenan malferman paroladon :

Altestimataj Gesinjoroj,

Mi estas feliĉa ŝuldi al mia ofico de prezidanto de la *Belga Ligo Esperantista* la honoron esprimi al la simpatiaj membroj de la Organiza Komitato mian plej sinceran dankon pro la nelacigebla fervoro kaj la senlima sindonemo, kiujn ili pruvas al nia homama entrepreno.

Kara amiko, Sinjoro MAERTENS, mi ege deziras laŭdi — kaj agrable al mi estas fari tion publike — la rimarkindajn ecojn, kiuj distingigas vin, kaj kiuj interesigas al nia movado aron da kuncivitanoj kaj eĉ da altranguloj, kiuj sen via potenca influo eĉ ne aŭskultus nian alvokon.

La servoj, kiujn vi faras al nia nobla entrepreno, estas vere admirindaj :

viaj intelektaj kapablecoj, kiuj ebligas vin pritrakti la lingvan demandon kiel reala scienculo,

la alta rango, kiun vi okupas en la socio, kaj kiu malfermas por vi ĉiujn pordojn,

la malavereco, kiun vi pruvas subtenante niajn klopodojn per via mono,

ĉio tio, kara Sinjoro Prezidanto, igas vin, por nia movado, altvalorega ; tio donas al vi plenan rajton je nia altestimo kaj je nia plej sincera danko.

Mi volas ankaŭ adresi specialan laŭdesprimon al la nelacigeblaj klopodoj de tiu, kiu tiel inde plenumas la funkcion de agada prezidanto de la *Genta Grupo* kaj de la Organiza Komitato de la nuna Kongreso, nome de S-ro SEBRUYNS.

Mi ankaŭ speciale salutas S-ron PETIAU, kies senlima sindonemo al nia afero, kies rimarkindaj ecoj de organizo kaj de direktado estas tre valoraj por nia propagando kaj la organizado de tiu ĉi Kongreso.

Ni ne forgesu la senlacan sinoferon de la tre afabla F-ino SCHEPENS, kiu dediĉas sian tutan tempon, ĉiun sian povas al la subteno de Esperanto, kaj kiu grandparte kunlaboris al la organizado de la nuna Esperanto-Semajno.

Fine ni danke salutu S-rojn VERMANDEL, el Antwerpen, DE BRUYCKER kaj BARBE, el Gendbrugge, kiuj ofte forlasas siajn proprajn aferojn por sin tute dediĉi al nia komuna afero ; S-rojn VERMANDERE, SIMONIS kaj FOUQUET, kiuj speciale sin okupis pri nia entrepreno, kaj kies fervoro treege helpas nin.

Sed mi ne povas daŭrigi tiun nomaron, ĉar vere multnombraj estas la bravaj pioniroj de Esperanto, kiujn oni renkontas en la antikva Arteveldurbo.

Dank'al viaj senĉesaj klopodoj, Gesinjoroj, la urbo Gent, tiel agrabla al nia memoro, jam de la Kongreso de 1912, nun vidas je l'ombro de sia antikva belfrido. la eminentularon de nia pacema armeo.

Ni ankoraŭ bone memoras la elokventajn vortojn de kuraĝigo kaj de bonvolemeco, kiujn elparolis S-ro Skabeno DE WEERDT, dum la Kvara Belga Kongreso, kiu, la lastan jaron, okazis en tiu ĉi urbo.

Tiam ni ne diris adiaŭ, sed ĝis revido dum la ekspozicio de 1913. Nu, jen ni estas, kaj pli multnombraj ol tiam.

Al ĉiuj vi, Gekomitatanoj, en la nomo de la *Belga Ligo Esperantista,* ni diras : gratulojn pro via sukceso, kaj tutkoran dankon pro ĉio, kion vi faras por nia entrepreno de civilizado kaj de progeso !

Altestimataj Gesamideanoj,

Mi ĝojas vidante, ke vi estas alvenintaj tiel multenombraj el ĉiuj partoj de Belgujo kaj eĉ de aliaj landoj por pruvi vian neŝanceleblan fidelecon al nia komuna ideo, kaj por serĉi kun ni la plej efikajn rimedojn por diskonigi niajn ideojn, kaj triumfigi ilin de la indiferenteco de l' popoloj, kiuj — stranga afero — akceptas la sociajn reformojn, eĉ la plej utilajn, nur kiam oni ilin altrudas.

Dankante vin, Altestimataj Gesamideanoj, tial ke, kun ĉiuj adeptoj tie ĉi kunvenintaj, vi akceptis la gastadon, kiun la urbo Gento estas feliĉa prezenti al ni, mi petas vin, bonvolu kunigi vin al mi, por saluti la ĉeestadon, per kiu vin honoras Lia Barona Moŝto DE KERCKHOVE D'EXAERDE, provincestro de Oriento Flandro.

Ni salutu ankaŭ S-ron BRAUN, la Gentan urbestron, kiu same kiel la provincestro faris al ni la honoron interesiĝi speciale pri nia afero. Ili ambaŭ oficiale aprobis nian movadon akceptinte la titolon de Honoro Prezidanto de la nuna Kongreso.

Mi devas precipe rememorigi Lian Moŝton, nian Reĝon, ĉar li bonvolis akcepti la titolon de Alta Protektanto de nia Kongreso. Sed mi rapidas aldoni, ke ni ne atendis malpli de nia landestro.

Efektive, Karaj Geamikoj, nenio povas pli potence fortikigi la nacian spiriton, ol unu sama helplingvo ; per tia helplingvo ĉiuj nacioj estus starigitaj sur sama rango, kaj ne bezonus helpigi sin de fremdaj paroliloj por siaj internaciaj rilatoj. Nia nacia flago, simbolo de nia patrujo, estos al ni duoble kara, kiam oni aldonos al ĝi la verdan stelon de l'espero, kiel blazonŝildon de la vastega Esperantistujo. Kiam tiu kara standardo pasos super niaj kapoj respekte kliniĝintaj, ni sentos la potencan blovon de patriotismo fortikigi nin, kaj tiam ni diros : je lingva vidpunkto almenaŭ, ĉiuj popoloj estas egalaj.

El mia tuta koro mi aldonas miajn dezirojn de bonveno al tiuj de la vigla Honora Prezidanto de la Organiza Komitato, S-ro MAERTENS, kaj mi deziras, ke via restado en Gent estu plej agrable kaj ke vi revenu ankoraŭ ofte en tiun gastaman urbon.

Mi precipe deziras, ke niaj kunvenoj estu fruktedonaj, kaj ke ni reiru hejmen ne nur fizike feliĉaj, sed ankaŭ refortigitaj je intelekta vidpunkto, kaj bone dokumentitaj por daŭrigi kun pli da fervoro kaj pli da sukceso nian bataladon por la tutmonda paco kaj la progreso en ĉiuj fakoj.

S-ro DE KERCKHOVE D'EXAERDE, provincestro, franclingve dankas S-rojn MAERTENS kaj WITTERYCK ; li diras, kiom bela kaj paca estas la ideo de internacia lingvo ; li deziras plenan sukceson al la Kongreso ; kun plezuro li konstatas kiel multaj estos la sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj ĉeestas la kunvenon ; li ne dubas pri la fina venko de Esperanto,ĉar, li diris, *okazas tio, kion virino volas* ; fine li bedaŭras, ke li ne povas paroli Esperante, sed promesas, ke, se Esperanto-Kongreso ankoraŭ okazos en Gent, Esperante li parolos.

Poste, la Prezidanto sciigas, ke S-roj CHAMPY, ĝenerala sekretario de la *Belga Ligo Esperantista,* kaj PETIAU, ĝenerala sekretario de la Organiza Komitato, estis elektataj kiel sekretarioj de l' Kongreso. Ĉe la Prezidanta tablo sidas : Lia Provincestra Moŝto Barono DE KERCKHOVE D' EXAERDE, honora prezidanto de la *Esperantista Semajno*; la estraro de la *Belga Ligo Esper-*

*antista* kaj la prezidantoj de l' diversaj belgaj grupoj ; la fremdaj delegitoj kaj la membroj de l' Organiza Komitato.

S ro PETIAU, sekretario, legas la jenan leteronde nia Majstro:

Al ĉiuj partoprenantoj de la Kongreso portanta la nomon *Internacia Esperantista Semajno en Gent*, mi sendas mian koran saluton. Mi deziras al la Kongreso la plej bonan sukceson, kaj mi ne dubas, ke ĝi certe ĝin havos.

Mi tre bedaŭras, ke pro la stato de mia sano mi ne povas partopreni persone en tiu Kongreso, por kiu mi havas plenan simpation. Mi estas konvikita, ke la Kongreso alportos al nia afero grandan utilon.

La sekretario legas ankaŭ leteron de S-ro CHAVET sciigantan pri la morto de S-ro CARLO BOURLET.

S-ino TIARD, el Parizo, salutas la Kongreson en la nomo de la Francaj gesamideanoj, kaj kun korpremateco ŝi diras, kiel granda perdo estas por Esperanto la morto de CARLO BOURLET.

S ro VÔRÔS, el Budapest, salutas la Kongreson en la nomo de la Hungaroj geesperantistoj, kaj deziras al ĝi bonan sukceson.

Ĉar la Kongreso nur celas la propagandon de Esperanto, la prezidanto invitas S-ron VAN ACKER, viglan propagandiston el Lembeke (Belgujo), kiu tutsole, post kelkaj monatoj, ellernis Esperanton kaj fondis la ageman grupon de Caprycke, vilaĝo en Okcidenta Flandro, sciigi, kiel li sukcesis starigi grupon en malgranda vilaĝo. S-ro VAN ACKER, en flua kaj tre sprita parolo, diras, kiel Esperanto per sia beleco kaj facileco tuj allogis lin ; li rakontas, kiom da malfacilajoj kaj malhelpaĵoj li renkontis por propagandi nian lingvon ĉe siaj samloĝantoj, kiuj opiniis, ke li freneziĝis. Sed li neniam lasis sin senkuraĝigi, li obstine daŭrigis siajn klopodojn, kaj fine li sukcesis starigi la grupon de Caprycke, dank' al la sincera kaj inteligenta kunhelpo de S-ro DERVAUX, la nuna simpatia kaj fervora prezidanto de tiu grupo, kiu nun estas unu el niaj plej agemaj propagandistoj.

La prezidanto varme dankas S-rojn VAN ACKER kaj DERVAUX, kaj esperas, ke ilia ekzemplo estos imitata de ĉiuj.

La kunsido finiĝis je tagmezo.

Posttagmeze, la gekongresanoj vizitis la Ekspozicion, kaj vespere, je la 7a, ili kunvenis en la Flandran Teatron, kie kanta kaj drama festo okazis. Tiu festo plene sukcesis. Kelkaj belgaj kaj esterlandaj gesamideanoj talentplene kantis kaj deklamis. Sed specialan mencion ni suldas al F-ino VERHESSCHE, la tiel ĉarma kaj talentplena kantistino, kiu, Carmen' e vestita, fajre kantis hispanan kanton, kaj al S-ro LAMBRECHT, bonega tenoro kaj kantprofesoro el Bruselo, kiu tiel artoplene kantis « Walkyrie » kaj « Rigoletto ».

La drama sekcio de la *Genta Grupo* zorgis pri la drama parto kaj sukcesplene ludis *La Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto*, triakta komedio originale verkita de F-ino JOHANINO FLOURENS (ROKSANO), la famkonata franca verkistino. Ni speciale gratulu F-inon ARICKX (*Sovaĝulineto*), kiu tiel senafekte kaj gracie plenumis sian rolon, kvankam, pro neatendita cirkonstanco, ŝi nur povis ĝin lerni lasthore.

**Sabaton, 16an**, je la 10a matene, oni kunvenis en la akceptejon, kie la gekongresanoj formis grandan sekvantaron, kiu, malantaŭ la malvolvitaj flagoj kaj standardoj esperantistaj, trairis la urbon por je tagmezo alveni en la urbdomon, kie Lia Skabena Moŝto S-ro DE WEERDT oficiale akceptis la kongresanojn prezentitajn de S-ro MAERTENS. En sprita parolo, la Skabeno rememorigis, ke jam la trian fojon li havas la honoron akcepti esperantistojn en la antikva urbdomo de Gent ; li laŭdis la esperantistan movadon, al kiu li estas tre favora, kaj li ne dubis pri la fina venko de Esperanto. Oni poste trinkis pokalon da saŭmanta ĉampanvino je l' sukceso de Esperanto, dum la Organiza Komitato kaj kelkaj eminentuloj kaj fremdaj geamikoj estis prezentataj al la Skabeno. Fine oni vizitis la belegan urbdomon, kies multnombrajn vidindaĵojn montris al la kongresanoj S-ro DE BRUYCKER, la afabla komunuma sekretario. Ege interesitaj la vizitintoj varme dankis sian gvidinton kaj disiĝis je l' krioj : vivu la Skabeno, vivu la Sekretario !

Posttagmeze, la gekongresanoj vizitis la belegan florekspozicion organizitan de la famkonata florkultura societo *Van Houtte*.

Vespere okazis komuna vespermanĝo kaj koncerto en la antikva kripto de l' belfrido, nun utilanta kiel restoracio. *La Espero*, ne atendite ludata de la tiea muzikistaro kaj ĥore kantata de la tuta ĉeestantaro, tuj ekvekis la plej koran intimecon, kiu regis dum la tuta kunveno.

F-ino VERHESSCHE, nia ĉarma samideanino, per sia agrabla voĉo, regalis nin per kelkaj konataj flandraj kantoj, Esperanten tradukitaj. Tiu kunveno, dum kiu oni havis okazon pli intime interkonatiĝi, certe faris plej bonan impreson sur la multnombraj vizitantoj neesperantistaj.

**Dimanĉon, 17an**, je la 10a matene, ĝenerala labora kunsido en la Festpalaco de la Ekspozicio.

S-ro WITTERYCK, prezidanto, malfermas la kunsidon.

S-ro MAERTENS, honora prezidanto de la Organiza Komitato, legas leteron de Lia Reĝa Moŝto, kiu konfirmas la telegramon per kiu Li sciigis ke Li akceptis la Altan Protektadon de la *Esperantista Semajno*. Alvenis ankaŭ leteroj de Generalo SEBERT, kiu salutas la Kongreson kaj informas pri la morto de CARLO BOURLET, kaj de S-ro FINET, el Antwerpen, kiu senkulpiĝas ne ĉeesti la Kongreson pro malsano.

La nura tagordo de la kunsido estas : *Kiuj estas la plej bonaj rimedoj por propagandi Esperanton ?*

S-ro MAERTENS en plej interesa maniero pritraktas diversajn rimedojn tre efikajn por la propagando. Tiun bonegan paroladon, kiu, laŭ propono de S-ro D-ro VAN DER BIEST, jam aperis en la lasta numero de *Belga Esperantisto*, la kunsidantaro varme aplaŭdas.

S-ro ROMMEL, el Verviers, ne tute interkonsentas kun S-ro MAERTENS ; li konsideras la senpagajn kursojn kiel ne taŭgajn rimedojn, li preferas la pagajn kursojn kaj redonon de la mono al la gelernantoj, kiuj regule ĉeestis la kurson.

S-ro WITTERYCK opinias, ke laŭ diversaj cirkonstancoj ambaŭ metodoj povas utili.

S-ro LELARGE, el Poitiers (Francujo), en plej ĉarma kaj elokventa parolo rakontas kelkajn vojaĝmemoraĵojn montrantajn, ke estas tre bona propagandrimedo nur paroli Esperante, kiam oni vizitas fremdajn samideanojn, kaj kredigi al ili, ke oni ne konas ilian lingvon, eĉ kiam oni ĝin konas. Tio devigas ĉiam paroli Esperante. Li rekomendas ĉiam informi pri sia alveno la grupon, kiun oni intencas viziti, por ke ĝi povu organizi plej agrablan akcepton, ĉar tiuj akceptoj de fremdaj samideanoj tre utilas por la propagando.

F-ino MOREAU, el Brussel, anoncas, ke en Brussel kaj Gent la oficistoj de la Informejo por Turistoj uzas Esperanton. Si tre rekomendas, ke en ĉiu urbo oni klopodu por interesigi pri Esperanto la oficistojn de tiaj informejoj.

S-ro JACOBS, el Antwerpen, klare kaj interesplene parolas pri diversaj bonegaj propagandrimedoj. Li konsilas, ke ĉiuokaze oni parolu Esperante por montri al la publiko, ke Esperanto vivas ; ke oni organizu multajn propagandajn festojn, dum kiuj oni disdonas esperantajn gramatikojn, k. c. Fine li rekomendas la ekskursojn kaj la partoprenon en la sekvantaroj kun la verda asntarddo.

S-ro WITTERYCK fermas la kunsidon kaj donas al la ĉeestantoj propagandilojn disdonotajn en la Ekspozicio.

Posttagmeze la kongresanoj vizitis laŭvole la urbon kaj la Ekspozicion.

Je la 7a vespere ili kuniĝis denove en la Flandra Teatro, kie okazis la dua kanta kaj drama festo. Tiu festo havis saman sukceson, kiel la alia. Ni havis ree la plezuron aŭdi F-inojn VERHESSCHE kaj DE CLERCK, kaj S-ron LAMBRECHT, kiu majstre kantis arion el *Carmen* kaj *Plezuro de Amo*. Specialan gratulon ni ŝuldas al nia talentplena samideano S-ro VAN DE VELDE, el Boom, kiu kun meritita sukceso deklamis versojn afable dediĉitaj de nia amiko JAN al la organizintoj de la *Semajno*. La drama parto konsistis el *Geedzigopeto*, triakta komedio de F-ino FLOURENS, kiu speciale verkis ĝin por la *Esperantista Semajno*. La aŭtorino rajtas esti fiera pri tiu teatraĵo, kiu estas vera ĉefverko. Gratulojn ni ŝuldas al la geanoj de la drama sekcio de la *Genta Grupo*, kiuj plej kontentige ludis la teatraĵon.

En la unua interakto alvenis karavano da anglaj geamikoj gviditaj de nia bona amiko S-ro MUDIE, la prezidanto de U. E. A. Grandan ovacion oni faris al ili ; je ilia honoro la tuta ĉeestantaro stare kantis la anglan himnon *God save the King*.

Dum la sama vespero ankaŭ okazis la disdono de la premioj al la laŭreatoj de la literatura kaj desegna konkurso.

Estis premiitaj :

A. DESEGNAĴA KONKURSO.

1. *Sigelmarkoj.*

1a premio : S-ro A. CASSIERS, el Antwerpen.
2a » S-ro JOZEF MAERTENS, el Gendbrugge.
3a » F-ino MARGUERITE DE WINTER, el Antwerpen.

2. *Kongresmarkoj.*

1a premio : S ro CASSIERS el Antwerpen.

3. *Propagandaj Desegnaĵoj.*

1a premio : F-ino ELZA CHAMPY, el Antwerpen.

B LITERATURA KONKURSO

1. *Originalaĵoj.*

1a premio : S-ro KURT SOMMER, el Chemnitz (Saksujo).
2a » S-ro JOZEF VAN REMOORTERE, el Antwerpen.

2 *Tradukaĵoj.*

1a premio : F-ino MARIA POSENAER, el Borgerhout.
2a » S-ro J. BARBE-DE KNEEF, el Gendbrugge.

3. *Poeziaĵoj.*

1a premio : F-ino MARIA POSENAER, el Borgerhout.
2a » La aŭtoro deziras esti nekonata.

4. *Komercaj Leteroj.*

1a premio : S-ro JOZEF MARTENS, el Gendbrugge.

5. *Poŝtkartoj.*

1a premio : S-ro MARCEL CASQUET, el Bèziers (Francujo).
Honora mencio : S-ro BRUNO MIGLIORINI, el Villa-Bruna.
» F-ino PAUL VAN DEN EYCKEN, el Brussel.

C. MUZIKAĴOJ.

1a premio : S-ro ALFONS VAN DE VELDE, el Boom.

**Lundon, 18an,** je la 10a matene, okazis en la Festpalaco la ferma kunsido de l'Kongreso.

S-ro WITTERYCK ĝin malfermas rezumante la laborojn de la antaŭa kunsido, kaj donas la parolvicon al S-ro MUDIE. S-ro MUDIE, kiu jus ĉeestis la enterigon de S-ro BOURLET, al kiu ankaŭ ĉeestis nia Majstro, raportas pri tiu malĝoja ceremonio kaj rememorigas, en kiaj cirkonstancoj mortis nia bedaŭregata samideano ; li laŭdas la meriton de S-ro BOURLET, kiu estis persona amiko de li. Poste li pritraktas, laŭ sia kutima elokventa kaj preciza maniero, kelkajn interesplenajn propagandajn metodojn. Laŭ li, la momento jam venis por enkonduki Esperanton oficiale en la lernejojn. Kiam oni varbis la simpation de la gepatroj, estas facile instigi la edukon ĉe la lernejoj. Kun tiu celo, li dum la pasintaj ok monatoj faris multajn paroladojn en lernejoj. Li ĉiam trovis varman intereson ĉe la geknaboj, el kiuj multaj estis ekzamenataj post libertempa senprofesora studado, kaj akiris rimarkindan kompetentecon. Li esperas, ke ĉie oni konstante klopodos rapidigi la instruadon de nia kara lingvo en tiu ideala instruejo.

Poste li diras, ke en Anglujo, dum la lasta jaro, li provis novan specon de propagando, nome subĉielajn paroladojn en la

publikaj parkoj. Preskaŭ ĉiutage, kaj speciale dimanĉe, sindonaj parolantoj ricevas atentan aŭskultadon de centoj kaj kelkafoje de miloj da ĉirkaŭstarantoj, kaj li eĉ proponis, ke dum la venonta jaro ĉiuj grupoj en Britujo, en kies urbo ekzistas parko, faru klopodojn por organizi tiajn parolodojn je la unua Dimanĉo de Majo.

Dank' al la kunhelpo de gravaj komercistoj, la *Brita Esperantista Asocio* sukcesis eldoni novan kvarspesdekan libreton, da kiu ĝi jam eldonis 100.000 ekzemplerojn. Ĝi ankaŭ klopodos por enmetigi en cigaredujojn — kiel estas la kutimo en Anglujo — serion da kartoj kun la Esperanta gramatiko.

La ĉeestantaro varme aplaŭdas S-ron MUDIE.

S-ro WITTERYCK, siavice, donas kelkajn informojn pri propropagando. Li preparas eldonon de kajeroj kun sciigoj pri Esperanto sur la kovriloj. Li proponas organizi konkurson kun la helpo de ĵurnaloj, ekzemple respondi al tiuj tri demandoj: nomu la bonajn konsekvencojn, kiujn povas doni al al ni la ĝenerala alpreno de internacia lingvo ; — kiel la latina lingvo aŭ nacia ne povas taŭgi kiel internacia lingvo ? — montru, kial Esperanto estas pli facile akirebla, ol la aliaj lingvoj. Fine, li rekomendas, ke, kiam oni legas en ĵurnalo artikolon kontraŭ Esperanto, oni sendu al tiu ĵurnalo artikolon favoran kun peto ĝin presigi.

F-ino MOREAU, el Brussel, proponis, ke oni starigu societon, kies membroj, nur gefraŭloj, donus po kvin frankoj al la societa kaso ; se la anoj edziĝus, ili rehavus sian kotizaĵon kun la procento, se la geedziĝintoj estas gesamideanoj, se ne ĝi estas perdita : la celo estas fondi esperantistajn familiojn.

S-ro VERMANDEL, el Antwerpen, rekomendas, ke oni sendu multajn komunikaĵojn al la ĵurnaloj, precipe pri la esperantistaj okazintaĵoj.

D-ro JOHNSTON, la eminenta prezidanto de T. E. K. A., raportas pri la Kongreso de la kuracistoj en London, kiun ĉeestis pli ol 8000 kongresanoj. Dum tiu Kongreso, Esperanto estas proponita kiel helplingvo.

Fine S-ro MAERTENS diras lastan dankon al ĉiuj parolintoj, kaj S-ro WITTERYCK faras la jenan ferman paroladon ;

Altestimataj Gesamideanoj,

Estis por mi grandega ĝojo havi la privilegion akcepti en ĝenerala kunveno, tiel grandan aron da agemaj geesperantistoj, belgaj kaj fremdlandaj, kaj mi estis tre feliĉa aŭdi la eminentajn paroladintojn, kiuj, per ĉarmo kaj la forto de de sia talento, ornamis la solenecon de nia Kongreso.

Permesu, ke mi donu specialan lokon en nia dankeco al la plej rimarkindaj el niaj gastoj, al la esperantistaj pioniroj universale konataj, kiuj subtenis nian Kongreson per siaj konvinkaj paroloj kaj kiuj bonvolis doni al ni tiel ŝatindajn konsilojn pri la propagando, pri kiuj ni konservos neforgeble la plej ĉarman memoron.

Mi volas ankoraŭ adresi miajn gratulojn kaj la esprimon de mia dankeço al ĉiuj samideanoj, kiuj ŝparis nek sian tempon nek siajn penadojn por akiri la belegajn rezultojn, kiuj en tiu ĉi momento nin ĝojigas, kaj certe ĉiuj vi konsentos

kun mi specialan gratulon kaj dankesprimon al la lertegaj artistoj,kiuj ĉarmigis, per sia talento, la teatrajn festojn. Mi reesprimas mian dankon al Lia Moŝto nia Reĝo pro la granda honoro, kiun li faris al nia entrepreno, akceptante la titolon de Alta Protektanto de nia Kongreso ; mi dankas S-ron BRAUN, la urbestron de tiu gastama urbo, kaj Lian Moŝton Baronon DE KERCKHOVE D'EXAERDE, tial ke ili pruvis grandan intereson al nia mondbonfara agado, akceptante la honoran prezidantecon de nia *Semajno*. Specialan dankon mi esprimas al la plej alta oficiala aŭtoritatulo de tiu ĉi provinco pro lia honoriga ĉeestado en nia malferma kunsido kaj en la teatra festo kaj ankaŭ pro la kuraĝigaj vortoj, kiujn li adresis al ni.

Ne nur ni ne forgesos la saĝajn lecionojn, kiuj tiu ĉi Kongreso grandnombre prezentas, sed ni praktikigos ilin kuraĝe kaj konstante, kaj tiamaniere ni plifruigos la triumfon de nia idealo, de tiu grava socia problemo de la internacia lingvo, kiu jam de jarcentoj okupas la spiriton de l' scienculoj.

Mi finas, Altestimataj Gesamideanoj, salutante respekte en la nomo de vi ĉiuj la grandan geniulon,kiun iam ĉiuj popoloj de l' civilizita mondo, en komuna sento de dankeco, honoros per statuoj ; mi salutas la modestan scienculon, kiun ni tiel volonte nomas nia kara Majstro, kaj entuziasme mi ekkrias : vivu Esperanto ! vivu Zamenhof !

Tuj post la ferma kunsido okazis la oficiala festeno, en la salonegoj de la Borso. Dum ĝia tuta daŭro regis la plej kora intimeco.

S-ro WITTERYCK, prezidanto, faris la kutiman toston al Lia Reĝa Mosto kaj la Reĝa Familio, kaj al nia kara Majstro D-ro Zamenhof. S-ro MAERTENS proponis la sanon de la estroj de la riprezentitaj ŝtatoj. S-ro SEBRUYNS trinkis je la sano de la fremdaj gesamideanoj, en kies nomo S-ro MUDIE dankis. S-ro PETIAU tostis al la multnombrnj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj ĉarmis la kongreson ; laŭ lia propono oni sendis telegraman saluton a! F-ino FLOURENS, la aŭtorino de la luditaj teatraĵoj. S-ino TIARD respondis en la nomo de la sinjorinoj. S-ro VERMANDEL dankis la anglajn geamikojn, kiuj tiel multnombre ĉeestis la kongreson, kaj tiel afable akceptis lin dum la kongreso de Eastbourne. S-ro VÔRÔS, el Budapest, dankis la Organizan Komitaton pro la bonaj aranĝoj de l' Kongreso, kaj fine D-ro DUPONT, el Beyne-Heusay, en la nomo de la partoprenantoj, dankis pro la bonega aranĝo de la festeno.

Post la festeno okazis veturila promenado tra la urbo. Tiu promenado donis al la fremdaj kongresanoj plej bonan impreson pri la industria graveco de Gent kaj pri ĝiaj malnovaj vidindaj monumentoj ; detala vizito al Beginejo ege interesis ĉiujn.

Je le 9a vespere, la kongresanoj ree kunvenis en la Borso por la Internacia Balo, kiu estis tre amuza kaj daŭris ĝis la malfruaj horoj.

**Mardon, 19an**, la kongresanoj detale vizitis la Ekspozicion, kaj, vespere, intima kunveno kunigis ilin en la restoracion *Royal Casino*, kie ili dancadis en plej intima amikeco, ĝis kiam alvenis la horo por disiĝi.

Ĉio havas finon, eĉ la esperantistaj Kongresoj! Jen estas finita la *Genta Esperantista Semajno!* Ĉu ĝia organizado sukcesis kontentigi la gekongresanojn? Se jes, estas la plej bona rekompenco por la organizintoj, kiuj kore dankas la gesamideanojn, kiuj tiel multnombraj respondis al ilia alvoko kaj multhelpis la sukceson de la Kongreso.

Ni penis fari tiun ĉi raporton plej laŭvera kiel eble; ni petas pardonon, se ni ion forgesis. (1)

H. PETIAU,
*Sekretario de l'Organiza Komitato.*

## Unua Internacia Kongreso por la helpo al militaj vunditoj.

# Raporto de S-ro A. J. WITTERYCK

*Prezidanto de la* «Belga Ligo Esperantista» *kaj ano de l'kongreso.*

Gesinjoroj,

La konvencio de Genève deklaras, ke la soldatoj kaj la aliaj personoj, oficiale dependantaj de la armeoj, kiuj estos vunditaj aŭ malsanaj, devos, sen distingo de nacieco, esti respektataj kaj flegataj de la militanta partio, kiu havas ilin en sia povo, kaj ĝi aldonas, ke la militanta partio, kiu devas lasi malsanulojn aŭ vunditojn al sia kontraŭulo, devas, se la cirkonstancoj tion permesos, lasi kun ili parton de sia personaro kaj de sia kuraca materialo por kunhelpi al ilia flegado.

Tiamaniere, tiu Konvencio antaŭvidigas neeviteble por la dejoro de la ambulancoj kaj kamphospitaloj la formadon de aroj da personoj de diversaj naciecoj kaj devenoj, vokitaj por kune labori por la zorgoj donotaj al vunditoj kaj malsanuloj trovitaj sur la batalkampo.

Gi supozas do ke, en tiuj aroj, oni disponos la necesajn helpilojn por ebligi, ke ĉiuj tiuj homoj, tiele akcidente kunigitaj, sin interkomprenu kaj, je ĉiu utila momento, interrilatu sen tro da malfacilaĵoj.

Tiu postulo povas ŝajni sufiĉe facile solvebla, kiam la batalado estas limigita inter grandaj landoj, kies nuraj nacianoj estas unu antaŭ la alia. Kaj ankoraŭ.... ne ĉiam! kiel atestas la sekvanta eltiraĵo el raporto de la Japana Centra Komitato pri la laboroj de la Japana Ruĝa - Kruca Societo okaze la Rusa-Japana milito.

«... Alvenintaj en Port-Arturo, la 6an de Februaro, la unua malfacilaĵo, kiu aperis al ni, estis evidente la diferenco de lingvoj. Neniu en la Ruĝa-Kruca taĉmento sciis paroli ruse, kaj la interpretantoj mankis.»

Kiel ajn oni konsideras la kondiĉojn de estonta milito, estas malfacile imageble, ke nur du nacioj estus unu kontraŭ la alia.

(1) Jes, kara amiko PETIAU, vi forgesis ion: gratuli vin mem kaj la ceterajn organizintojn de la *Semajno.* Ni do jen faras tion mem, kore kaj sincere! (REDAKCIO.)

La kontraktitaj interligiĝoj devos tiam sin manifesti efektive, havante kiel neeviteblan sekvon, la universalan interbataladon.

Ankaŭ tio kaŭzos lingvan konfuzon, kaj, en la ambulancoj plenaj de vunditoj apartenantaj al diversaj nacioj, kunlaboros kuracistoj kaj geflegistoj bedaŭrinde,pro manko de interkomprenilo, ofte neebligitaj doni helpon.

Jen eltiraĵo el artikolo, kiun kelkaj ĵurnaloj publikigis antaŭ kelkaj monatoj pri la Balkano milito :

« Inter la kuraĝplenaj geambulancistoj alvenintaj sur la batalkampo por malpligrandigi la suferojn de la kompatindaj viktimoj de la Balkanaj buĉadoj, oni trovis personojn, kiuj, sciante eĉ duondekduon da lingvoj, estis en la tre peniga situacio ne kompreni la vortojn de tiuj, al kiuj ili disdonis siajn zorgojn.

» Kun larmoj en la okuloj kaj premata koro, ili aŭdis la la plendantan voĉon de tiuj,kiuj etendis al ili la manojn petegante, ke ili konigu iliajn lastajn volojn, iliajn superegajn sentojn al la karaj estaĵoj, kiujn, verŝajne, ili neniam revidos.

» Kaj tie troviĝas la ambulancisto,kies bonkoraj penadoj estas paralizigitaj de ununura kaŭzo : la diverseco de la lingvoj ! »

Tiu artikolo estis interalie konfirmata de S-ro D-ro Carle de Marval, delegito de la Svisa Ruĝa-Kruco ĉe la Balkana milito (Vidu lian opinion paĝo 254).

Kaj jen ankoraŭ alia atesto :

S-ro D-ro Lucas-Championnière,filo de famekonata hirurgiisto el Paris, rakontis publike la lastan monaton en la Societo «Union des Femmes de France»,(chaussée d'Autin, 29, Paris), ke li estis tre embarasita, kiam, alveninte en Konstantinoplo por kvietigi la suferojn de la viktimoj de la Balkana milito, oni lin sendis al malsanulejo konstruita sur la montoj ekster la urbo, kie li trovis sepdek turkajn ambulancistojn,kiuj konis nur sian gepatran lingvon. Antaŭ ĉio li devis do eklerni la turkan lingvon. Oni povas imagi la embarasiĝon de la kuracisto kaj de la flegistoj, kiel ankaŭ la kompatindan situacion de la suferantoj !

Certe, kelkaj el la kuracistoj kaj ambulancistoj, kiuj iris al Balkanlando, estis pli feliĉaj kaj havis la ŝancon sin trovi antaŭ viktimoj, kiuj parolis unu el la lingvoj, kiujn ili mem sciis paroli, sed ankaŭ estas nur tro vere ke, dum tiaj okazoj, oni riskas sin trovi plej ofte en la peniga mala situacio. Iom da pripensado sufiĉus por konvinki nin, se ni ne havus la atestojn de spertintoj homoj.

Tiuj konsideroj sufiĉus nepre por al ni doni la certecon ke, sur batalkampo, komuna lingvo estas necesega.

La nuna Kongreso sin okupas nur pri la helpo al vunditoj dum militoj ; mi estimas tamen oportune, fari tie ĉi malgrandan deflankiĝon, aldonante, ke estas ne nur la militaj tempoj, kiuj, por havigi al la praktikado de la sindonemo novan ilon kaj fortikan helpon, postulas interkomprenilon ; ĉu efektive, la societoj de la Ruĝa-Kuco ne intervenas, kiam publika malfeliĉego frapis

alian landon ol la nacian teron ? Ĉu oni ne vidis tion, ekzemple, post la katastrofo de Sicilio ?

La sekvanta eltiraĵo el letero de la hispana kapitano Perogordo, pri akcidento okazinta en Sagonte je la fino de la Esperantista Kongreso de Barcelona en 1909, donas frapan ekzemplon pri la utileco de internacia lingvo rilate al helpo al vunditoj, eĉ dum pactempo. « Dum nia ekskurso al la urbo Sagonte, okazis malfeliĉe akcidento, ŝuldita al la disfalo de remparo de antikva kastelo, fortrenanta kun si kvin esperantistojn. En tiu terura momento, kiam ĉio estis nur bruo kaj plendoj, la membroj de la Sagonta Ruĝa-Kruco aperis tie subite, ke tiu rapideco mirigisla esperantistojn ; efektive kvar minutojn poste la kuracisto flegis jam zorgeme tiuj, kiuj falis ; nur unu el ili bezonis portilon.

» Mi akompanis la kuraciston kaj la vunditojn gis la urbdomo, kie troviĝis ambulanco : mi helpis tie la kuraciston kaj tradukis la vortojn de la vundito, ĉar, malfeliĉe, la kuracisto parolis nek france nek Esperante. Poste, la juĝisto, kiu ankaŭ ne sciis tiujn lingvojn, prenis min kiel oficialan interpretanton. »

* * *

Jen do pruvite, Gesinjoroj, ke helpa lingvo estas necesega por la bona organizado de la Ruĝa-Kruco.

Mi permesas do al mi proponi la lingvon *Esperanton*, kiel povantan solvi tiun demandon.

Ekzamenu ni, ĉu tiu lingvo respondas al ĉiuj kondiĉoj, kiujn la organizado de la Ruĝa-Kruco povas postuli de la helpa lingvo, kiun ĝi bezonas tiel urĝe.

Antaŭ ĉio estas necese, ke tiu lingvo estu *neŭtrala lingvo*, t.e. lingvo apartenanta al neniu nacio kaj konsekvence ofendanta nenies patriotan senton. Por tio oni devas nepre sin turni al artefarita lingvo ; nu, Esperanto respondas al tiu unua postulo, ĉar ĝi estas kreita el internaciaj elementoj.

Necesas ankaŭ, ke tiu lingvo estu *simpla* kaj sekve facile ellernebla : rilate al tio Esperanto donis konvinkajn pruvojn : ĝia gramatiko enhavanta nur kelkajn regulojn sen esceptoj, povas esti lernata en unu horo, kaj, dank'al la logika elekto de la radikoj kaj al la kunmetado de diversaj elementoj, ĝia vortaro estas tiel facile akirebla, ke deko da lecionoj, po unu horo, sufiĉas por ebligi, ke homo de meza kulturo esprimu kompreneble siajn ideojn.

Estas ankaŭ necese, ke helpa lingvo posedu *absolutan unuformecon de elparolmaniero* ; nu, tiurilate ankaŭ Esperanto donas tutan kontentigon ; mi mem parolis Esperante kun personoj apartenantaj al 28 diversaj nacioj, kaj mi certigas, ke estis tre malfacile difini naciecojn inter ili ; cetere la naŭ Universalaj Esperantistaj Kongresoj donis rilate al tio tre konvinkajn pruvojn.

Kvankam tio havas nur duagradan gravecon por la deĵoro de la Ruĝa-Kruco, mi deziras atentigi vin pri la fakto, ke Esperanto, kvankam tute simpla, posedas *rimarkindan riĉecon,* kaj taŭgas mirinde por la esprimo de ĉiuj ideoj.

Esperanto respondas do al ĉiuj postuloj : ĝi estas *neŭtrala, simpla, unuforme elparolata* kaj *rimarkinde riĉa.* Plie ĝi donis jam siajn pruvojn.

Publikaj ekzercoj de funkciigado de la Ruĝa-Kruco per Esperanto okazis en Barcelona la 8an de Septembro 1909. Ili sukcesis plene, ĉar nenia malfacilaĵo por interkompreno sin prezentis inter la membroj de diversaj nacioj, kiuj partoprenis ilin.

La 27an de Aŭgusto 1911, Ruĝa-Krucaj ekzercoj estis ankaŭ farataj en Antwerpen. Mi rimarkis tie la sindonemon de S-ro de Meyer, prezidanto de la Antverpena Asocio kaj kasisto de la nuna kongreso. Tie ankaŭ, sur la batalkampo kaj en la ambulancoj, estis konsola spektaklo vidi kun kiom da facilego geflegistoj sin komprenigis facile de la vunditoj, uzante nur ekskluzive Esperanton.

Rimarku ni ankoraŭ, ke Esperanto estas jam tre disvastigita : ne nur ekzistas jam cento da ĵurnaloj kaj revuoj en 30 diversaj landoj, sed la lingvo havas ankaŭ multnombrajn adeptojn en ĉiuj rangoj de la socio, kaj oni povas prave diri ke nune, sur la tuta terglobo, ne estas plu unu iom grava urbo, kiu ne posedas siajn esperantistojn.

Cetere, Gesinjoroj, mi ne estas sola por klopodi por tiu afero kaj por defendi tiun kreaĵon, kiun mi konsideras kiel ege homaman.

S-ro Dunant mem, la iniciatoro de la Ĝeneva Konvencio de la 22a de Aŭgusto 1864, proklamis ĝian nepran necesecon.

La Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco sendis, en 1908, S-on Ad. Moynier kiel oficialan deligiton ĉe la 4a Esperanta Kongreso en Dresden.

La Regnestraro de la Unuigitaj Statoj sin reprezentigis ankaŭ de S-ro Majoro Straub, kuracisto ĉe la Milita Ministraro. Jen eltiraĵo el la raporto prezentita de S-ro Moynier pri tiu kongreso :

« Kelkaj horoj sufiĉas al homo mezgrade instruita por kompreni la meĥanismon de la lingvon Esperanto. Post kelkaj semajnoj da studado, eĉ sen profesoro, oni povas facile legi tekston. Sufiĉas kelkaj monatoj por ĝin kompreni kaj paroli flue.

» D-ro Zamenhof sukcesis krei lingvon facile ellerneblan por ĉiuj, kies elparolado estas ĉiam la sama, se ĝi estas parolata de Ruso, Franco, Anglo, Germano aŭ Japano. Estas malfacile, aŭdante personon kiu parolas flue Esperanton, difini ĝian nacian lingvon ; tio estas la fakto kiu frapis min pleje kiam mi aŭdis paroli riprezentantojn de pli ol 30 diversaj landoj.

» Rezultas el tio, ke, de l' komenco, ili sin interkomprenas kun plej granda facileco.

» Aldonu ni, ke, relate al aŭdado, Esperanto similas multe la hispanan kaj italan lingvojn. La frazoj fluas facile, kaj la orelo ne estas vundata de gorĝaj aŭ malagrablaj sonoj.

» Resume, la uzo de Esperanto ŝajnas al mi destinita por disvastiĝi, pro sia facila aplikado en multnombraj fakoj. Ĉar la Ruĝa-Kruco povas el ĝi tiri realajn profitojn, estas utile sekvi serioze la disvastiĝon de la esperantista movado kaj atentigi pri tiu subjekto la Asociojn de la Ruĝa-Kruco de ĉiuj landoj, por ke ĝi povu, bone elstudita, iĝi la objekto de diskutado dum proksima internacia Konferenco.»

Jen nun eltirajo el raporto de la delegito de la Unuigitaj Ŝtatoj :

« Rilate al militista vidpunkto, la plej utila aplikado de Esperanto en tiu ĉi momento ŝajnas esti por la ambulacistaro, kaj mi opinias, ke la Regnestraro devus al ĝi doni sian oficialan apogon. Oni povus komenci enkondukante ĝin en la Nacian Societon de Ruĝa-Kruco... kie ĝi trafus duoblan celon, ĉar ĝi estus tre utila en pactempoj kiel en milittempo... La lingvaj malfacilajoj, kiuj sin prezentis dum la diversaj internaciaj ekspedicioj aŭ militoj de la lastaj jaroj, montris la necesecon de helpa lingvo... Esperanto plenumas ĉiujn deziratajn kondiĉojn. Ĝia propagando meritas do ĉiujn kuraĝigojn, kaj ĉiuj, kiuj rilatas aŭ povas rilati kun alilandanoj devus interesiĝi pri ĝi. »

S-ro Paul Blaschke, el Friedrichshagen (Berlino), skribas :

« Malfacilajo, kiu sin montras dum milito, kaj precipe la bataltagojn, en la ambulancoj, estas la ne-interkompreno. Pro manko de interkomprenilo la zorgoj iĝas plej malfacile doneblaj ; ofte en tiaj okazoj la suferoj daŭras pli longtempe, ol estas necese, kaj multnombraj deziroj de la suferantoj — ofte, ve ! la lasta ! — ne estas plenumataj. »

Leŭtenanto Bayol verkis malgrandan broŝureton, kiu enhavas en la formo de demandoj kaj respondoj, Esperante kaj france, la frazojn plej necesajn por vundita militisto. Ĝi estas jam tradukita germanen, italen, danen, rusen, hispanen, sveden, anglen, bulgaren, ĉeken, k, c.

En la 9a Konferenco Internacia de la Ruĝa-Kruco en Washington, S-ino Lardin de Musset, de la Unuiĝo de la Francujaj Virinoj, anstataŭanta F-inon Pérouse, la prezidantinon de tiu Asocio, legis proponon rilate al Esperanto, kiu estis tre aplaŭdata kaj pri kiu F-ino Lardin de Musset ricevis la gratulojn de la plej multnombra parto de la ĉeestantoj.

Jen kion skribas pri Esperanto D-ro Carle de Marval, delegito de la Svisa Ruĝa-Kruco ĉe la Balkana milito :

« Certe, jes, Esperanto, lingvo internacia, estus povinta fari grandajn servojn dum la Balkana milito... En la hospitaloj, kie kune laboras diverslandoj abulancistoj, kie la kuracista vizito ofte estas «procesio» de personoj dezirantaj esti utilaj kaj kompreniĝi la demandojn de la unuj kaj la respondojn de la aliaj, Esperanto

estus povinta esti tre utila al la kuracistoj, al la geflegistoj kaj al la kompatindaj vunditoj !....

» Klopodu do por ĝia disvatiĝo, vi faros homaman laboron kaj vi alportos vian ŝtonon al la konstruado de la palaco de la paco, kie ĉiuj sin interkomprenos kaj — sekve — sin interamos ! Kaj kiam la popoloj sin pli bone interkomprenos kaj sin interamos kiel ili devas, la milito apartenos al la historio; — ĝi ne ekzistos plu. »

Mi pensas, ke mi elmontris sufiĉe, ke plenkonfide la Ruĝa-Krucaj societoj povas elekti kiel universalan interkomprenilon la artefaritan lingvon de D-ro Zamenhof.

* * *

Ni konas nun, Gesinjoroj, la *demandon* kaj ankaŭ la *helprimedon ;* sed tio ne sufiĉas : ni devas uzi la rimedon, se ni volas kontraŭstari la malbonaĵon ; ĉefe ni devas agi rapide kaj efike.

Restas ankoraŭ por esti ekzaminata, la maniero, laŭ kiu oni povas sukcesi.

Se ĉiuj regnestraroj decidus rekomendi al siaj militistoj ĉiugradaj, ke ili lernu Esperanton dum tri monatoj, mi havas la konvinkon, kun cento da pruvoj, ke ĉiuj, escepte la malkleruloj, parolus kaj skribus la helpan lingvon, kaj ke ili havus la grandegan profiton povi interrilati kun ĉiuj armeoj de la tuta mondo ; kaj se, flanke de tio, la membroj de la Ruĝa-Kruco farus la saman provon, la konsekvenco estus, ke la malfeliĉaj viktimoj de la militoj estus pli bone flegataj, kaj ke la Ruĝa Krucanoj ne plu devus plendi pri la malsukcesoj rezultantaj de la lingva diverseco.

Vere oni miras, tial ke ne jam longtempe la Regnestraroj kaj Komitatoj de la Ruĝa-Kruco ne postulis grandkrie la saman helplingvon por garantii la bonan funkciadon de ambaŭ.

Tio pensigas pri Fulton, pri Jacquard, pri Kristoforo Colombo kaj pri tiom da aliaj, kiuj, de siaj tro singardaj (?) kuntempuloj, estis konsiderataj kiel utopiistoj, kaj kies bonkoraj penadoj estas nun benataj en ĉiuj nacioj.

El ĉio, kion mi diris, rezultas do, ke ni devas trafi du celojn :

1e *Ke Esperanto estu instruata inter la militistoj ;*

2e *Ke la membroj de la ambulanckorpusoj faru la saman studadon.*

Estas dirite en la cirkulero, kiu invitis nin al tiu ĉi kongreso : « Oni tie preparos la materialojn por la reformoj », kaj poste : « La diskutadoj ne estos sekvataj de voĉdonoj ».

Mi aprobas la unuan punkton, sed mi ne povas fari same por la dua, ĉar ŝajnas al mi, ke, por la demando pri interkomprenilo, por la helpoj al militaj vunditoj, ni devas agi urĝe, eĉ grandurĝe.

Mi bedaŭras do multe, ke mi ne povas inviti vin por voĉdoni ; mi neniel dubas, ke ĉiuj, kiuj aŭskultis mian pledadon por la stud-

ado de Esperanto estas unuanimaj por voĉdoni, ne nur ke oni devus rekomendi tiun studadon, sed ankaŭ ke oni devus igi ĝin deviga.

Certe ili estas konvinkitaj, ke la interkomprenilo, kiun mi proponas, estas trezoro por la tuta homaro kaj ke ŝanceliĝi por fari ĝian provon estus kulpo, tial ke la profitoj, kiuj devas rezulti el ĝi, estas grandegaj kompare al la malgrandaj klopodoj postulataj.

Por ke la fruktoj de tiuj klopodoj ne estu perditaj, mi esprimas la deziron, ke estu starigata senprokraste, hodiaŭ mem, kiel estas farite en Francujo, Belga Societo Esperanto-Ruĝa-Kruco, kun duobla celado : *diskonigi la helpan lingvon Esperanto de D-ro Zamenhof en Ruĝa-Kruco kaj en la armeoj, kaj subteni la propagandon de la Ruĝa-Kruco inter la esperantistaro.*

Konfidplene mi vin invitas, Gesinjoroj, por starigi tiun tre gravan societon, kaj kun tiu celo mi petas vin ke vi bonvolu, je la fino de tiu ĉi kunsido, havigi al mi vian adreson ; tio ebligos al mi kunvoki vin por proksima kunveno, kie vi povos prepari la fundamentojn de tiu asocio, kiu, per sia homama karaktero, estas destinita al tre granda estonteco.

Mi invitas ankaŭ la gekongresanojn el aliaj landoj, ke ili bonvolu doni al mi siajn adresojn, kiel pruvon de sia simpatio al tiu afero kaj kiel ateston de la apogo, kiun ili volus doni al tia societo inter siaj samlandanoj ; ĉar necesas ke ĉiu civilizita lando posedu baldaŭ sian societon « Esperanto-Ruĝa-Kruco » kaj ke ĉiuj tiuj societoj formu nur unu solan vastan ligon, laborantan por la malpligrandigo de la suferoj de la militaj viktimoj kaj ĉefe por la konservado de la amikeco inter la popoloj, unua fundamento de la tutmonda paco.

*Tradukis* K. Babilon. A. J. Witteryck.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, kiuj enhavas artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN. — Suda Lumo.** — La kunvenon de la 6a de Septembro ĉeestis 11 angloj kaj 2 rusaj samideanoj. Tiuj du rusoj – S-roj Agurtinel el Belostok kaj Gologorskij el Kamenec-Podolsk — restas nun en nia urbo por studi en la Supera Komerca Instituto. Ili partoprenas la esperantistan vivon de la metropolo kaj ĉeestas ankaŭ la kunvenojn de *l'Antverpena Grupo Esperantista.*

— Lundon, la 22an de Septembro, alvenis en nia urbo nia kataluna samideano, S-ro Juan Gili, kiu enŝipiĝis en Antverpeno por entrepreni ofican vojaĝon al Centra Ameriko. S-ro Gili, kvankam ankoraŭ tre juna, estas unu el

la plej agemaj Barcelonaj Esperantistoj, sekretario de grava Barcelona grupo. De kvar jaroj li korespondis kun unu al niaj Antverpenaj samideaninoj, kiu estis nun vere feliĉa interkonatiĝi kun li, vidigi al li, dum tempo bedaŭrinde tre mallonga, la ĉefajn vidindajojn de Antverpeno, kaj prezenti lin al kelkaj Antverpenaj samideanoj. S-ro GILI forveturis la 25an per la ŝipo *Bavaria*, de la *Hamburg - Amerika Linie*, kiu kondukos lin al Guatemala, post marveturado de almenaŭ 32 tagoj. Plej sincere *Belga Esperantisto* deziras al nia kuraĝa amiko feliĉan vojaĝon, agrablan restadon en fremdlando kaj ĝojan revenon en la patrujon ! Nia juna samideano certe semos kelkajn verdajn semojn en la landoj, kiujn li vizitos. Ankaŭ tiurilate ni deziras al li plenan sukceson !

M. P.

# EL « LA AMUZISTOJ »

Mi nun tradukadas, kun afabla permeso de l'aŭtoro, la admirindan teatrajon de S-ro MIGUEL ZAMACOÏS, *Les Bouffons*.

La tri jenaj eltirajoj montros al la legantoj de *Belga Esperantisto*, ke la verko estas tiom sprita, kiom poezip'ena. Oni samtempe konstatos, ke la traduklaboro ne estas facila.

RENATO DE CHANCENAC, nekonate, sub la nomo ĴAKASO, sin prezentas, kune kun kvar aliaj kandidatoj, por fariĝi la amuzisto de SOLANĜO, la filino de l' barono DE MAUTPRÉ. Jen lia deklaracio je lia alveno.

ĴAKASO, antaŭeniras kaj salutas la ĉeestantaron.

Paroli laŭde mem pri si
Kun granda gesto kaj grimaco
— Jen estas mia opini' —
Insulto estas al sagaco
De Via Moŝto (1) : kun konsci'
Kaj ne laŭ nia vortfrakaso
Vi juĝos min ; kaj nun, jen mi,
La amuzist' Ĵakaso !

Mielon ĉerpas papili'
El ĉiu flor', laŭ sia plaĉo ;
De roz' ĝi flugas al lili'.
Tutsame, rido aŭ ridaĉo
Aŭ kant', en kiu ajn naci',
Ĉe ĉiu gent', ĉe ĉiu raso,
Rabitaj estas kun rabi'
De l' amuzist' Ĵakaso.

Sinjoroj (2), ĵuris mi per Di',
Ke sen armilo, sen kiraso,
Nur dank' al mia fantazi'
Mi el kastelo kaj teraso
Vin pelos for de tie ĉi.
Ne timu : ploros pri l'forlaso
Nek la Barona famili'
Nek amuzist' Ĵakaso !

Por mi, paroli pro, por, pri,
Ne estas kaŭz' de embaraso ;
Rakontojn pri milit', magi',
Mi konas, pri vojaĝ' kaj ĉaso.
Ĉu al vi plaĉas idili'
Aŭ, ĉar mi estas bona baso,
Prefere eble melodi'
De l' amuzist' Ĵakaso ?

Ridetu ne kun ironi',
Ne vana estas la minaco ;
Al vi ne restu iluzi' :
Post la monat', kapitulaco !
Jen mia sola ambici' !
Sukcesos mi, sen preterlaso,
Kaj vi verdiĝos pro envi'
Al amuzist' Ĵakaso !

De l' ver' amanto kun pasi'
Kaj poetaĉ' de tria klaso,
Malgranda eble estas ĝi,
Sed trinkas mi el *mia* glaso !
Kaj nun, Sinjor', min konas vi,
Vi ankaŭ, amuzistamaso !
Rigardu bone min ! Jen mi,
La amuzist' Ĵakaso !

(1) La Barono.
(2) La ceteraj amuzistoj.

SOLANĜO proponis al la amuzistoj, kiel temon pritraktotan, *La Vento*. Jen la respondoj de HILARO — la malgaja amuzisto —, de JOHAĈJO — la stulta —, de NARCISO — la eleganta —, kaj de ĴAKASO.

HILARO, tragike, tremigante la tutan aŭdantaron.

La vento estas akra kaŭz' de malespero ;
Demono estas ĝi, sendita de l'infero ;
Ŝancelas ĝi, terure kiel eble plej,
La krucojn, kiuj staras sur la mortintej',
Kaj la mortintoj time diras je l'vespero :
« Ho, kiel oni certe tremas nun sur tero ! »

LA BARONO, tremante.

Sufiĉas ! Tiu funebrulo nin
Eĉ dum varmego tute glaciigus !

HILARO, malĝojege.

Mi ĝenerale estas gaja... Sed
De kelka temp' mi havas gravajn zorgojn
Pro monaferoj.

OLIVERO.

Ĉiutage vi
Parolas pri gajeco via, sed
Samtempe vi rakontas ankaŭ ion
Pri morto. Ni postulas amuziston
Por nin amuzi, ne por lin konsoli !
Malgajemul' ne devas amuzist'
Fariĝi !...

HILARO, daŭrige malĝojege.

Kio do ?

OLIVERO.

Trappisto !

Oni mokas Hilaron, kiu rec sidiĝas.

VULKANO, al Baroko, mallaŭte.

Nu,
Barok', preparu vian paroladon,
Rakontou gajan, amuzegan !

BAROKO.

Ho,
Ĝi estas preta jam !

LA BARONO.

Kaj kiu devas
Paroli nun ?

OLIVERO.

Narciso.

LA BARONO, al Narciso.

Vi parolu
Do pri la hodiaŭa tem' : la vento.

Narciso stariĝas kaj antaŭeniras ; li estas videble admirata de Nikolo, kiun interesas ĉiuj liaj gestoj.

NARCISO.

Ho vent', mia eleganteco vin amas,
Car vi per movetoj graciaj ornamas
La faldojn de mia mantelo,
La plumojn de mia ĉapelo!
Ho vent', mia eleganteco vin amas!

Ho vent', estas vi admirinda artisto!
Vi brodas, desegnas sur ŝtof' kaj batisto,
Rebrilojn de l'silko modifas
Kaj mian kolumon vi ĉifas.
Ho vent', estas vi admirinda artisto!

Ho vent, fantazi' vin volonte inspiras;
Vi per neniajoj ludeti deziras;
Per skarp' mia vi vin amuzas
Kaj kiel ludilon ĝin uzas.
Ho vent, fantazi' vin volonte inspiras!

Ho vento, de vi mi kuraĝon ricevas,
Ĉar mian plumfaskon ĉielen vi levas,
Kaj brave antaŭen mi kuras
Kaj la malamikon teruras.
Ho vento, de vi mi kuraĝon ricevas!

Ho vent', mia eleganteco vin amas!
Vin, plibeliganton, mi danke aklamas,
Ĉar proza ja estus vest' mia
Sen via blovet' poezia!
Ho vent', mia eleganteco vin amas!

Narciso salutas la aŭskultintaron, kiu aprobe zumetas.

LA BARONO.

Li improvizas bone!

OLIVERO.

Lia stilo
Tre bela estas.

VULKANO, mallaŭte, al Baroko.

Ĉu ne timas vi,
Barok'?

BAROKO.

Atendu, mi pli bone faros.

SOLANĜO.

Ĝis nun Narciso estas laŭreato.

NIKOLO, admirante.

Mielo estas liaj vortoj.

SOLANĜO.

Kiu
Parolas nun?

OLIVERO.

Johaĉjo.

Dum oni mokas la mallertan sintenadon de Johaĉjo, kiu stariĝas, Nikolo admiras Narcison, starante tre proksime al li.

NIKOLO.

Kiel bela
Li estas !

LA BARONO.

Residiĝu vi, Nikolo.
Kaj vi, Johaĉjo, kap' sen cerbo, kion
Vi pri la vento diros aŭ balbutos ?

JOHAĈJO, stulte, provante esti sprita.

Nescias mi, ĉu vento plibeligas homojn,
Sed scias mi, ke ofte vent'... faligas pomojn !

La mokado rekomenciĝas, dum Johaĉjo, pli laŭte ol la aliaj, ridas pri sia trovajo.

OLIVERO.

Por ke vi ion spritan povu diri,
La vento, Joĉjo, devus vin suflori !

VULKANO, duonvoĉe al Baroko, dum oni mokas ankoraŭ Johaĉjon.

Preparu vin ! De la unua vorto
Vi devas venki ĉiujn !

BAROKO, frapante sian frunton.

Timu ne !
Mi havas tiom da rakontoj tie,
Ke mi ne scias, kiun mi elektos.

VULKANO.

Nu, bone, ĉar Ĵakas ' danĝera estas !

BAROKO, iom ebria.

Jakas' ? Li ne ekzistas ! El la vino
De tiuj kvar boteloj ĉerpis mi
Elokventecon de cent-mil Gaskonoj !

Li antaŭeniras al la Barono.

Kap' mia estas kiel elsputonta
Vulkan' ! Ĉu mi parolas ?

OLIVERO.

Ne, Ĵakaso.

JAKASO, (1) antaŭeniras, dum lin salutas simpatia bructado.

La glicinion, dum la vesperiĝsilento,
Movetas preskaŭ nesentebla, milda vento...
Nu, pri la jena vent', antikva libr' atestas,
Ke ĝi l' animo de zefir' iama estas.
Vagante, revetante, ne havante celon,
Eniris la zefir' malnovan en kastelon,

(1) Ĉi tiuj belaj versoj povas taŭgi kiel monologo, por esperantistaj festoj.

Kaj tie li tuŝetis per la spir' infanon,
Knabinon deksesjaran, kiu ŝpinis lanon.
Okuloj ŝiaj estis bluaj, kiel lago
Tremanta, kiun sulketigis li dum vago.
Ĉar buklo falis iom, ŝi relokis ĝin...
Kun emocio la zefir' rigardis ŝin,
Dum per la brak', la mano kaj la fingroj, ŝi
La geston faris, ho, kun kia harmoni' !
Li, kiu ĉiam nur mensogis kaj petolis,
Kaj ne la amon, nur la amindumon volis,
Subite, je la vid' de tiu mov' gracia
De ŝiaj fingroj al hararo blonda ŝia,
Por esti ĉiam la servanto sin destinis
De l'deksesjarulino, kiu lanon ŝpinis.
Kaj la amanto nevidebla, de post tiam,
La amatinon ĉien akompanis, ĉiam.
Tuj kiam la zefiro ŝin malgaja vidis,
Ŝarĝite per birdkantoj li al ŝi rapidis ;
La papiliojn, kiuj en kampar' flugetis
En ŝian ĉambron lia blov' subite ĵetis ;
Ĉar li ne povis al ŝi porti ĉiujn florojn,
Almenaŭ prenis li iliajn bonodorojn
Kaj tiel sendis li salvion, majoranon,
Al deksesjarulino, kiu ŝpinis lanon.
Por ĉiu malbonaĵ' li helprimedon trovis :
Dum nokt' glacia li varmige ŝin alblovis ;
Dum tondro sin aŭdigis ĉe la horizonto,
Li malvarmeton ĉerpis ĉe l' plej alta monto ;
Dum ŝi en iu libro legis, la zefiro
La paĝon ĝustatempe turnis per sopiro !
Dum dormis en la lit' la bela junulino,
Li levis la kurtenon dolĉa kun obstino,
Li sian spiron kaj la ŝian miksis ame
Kaj sur la buŝ' la amatinon kisis flame !...
Sed iun tagon en kastel' alvenis bela
Junul' afabla, riĉvestita kaj nobela,
Kaj bonvendiris lin kaj premis lian manon
La dolĉa junulino, kiu ŝpinis lanon.
Eleganteco lia kaj parolo viva
Tre baldaŭ plaĉis al la ĉarmulin' naiva ;
Li post nelonge kiel edzon sin proponis
Kaj ringon de l' fianĉiniĝo al ŝi donis.
Ve ! kion, kion povas fari la zefiroj,
Eĉ plej agrablodoraj, kontraŭ kavaliroj
Donantaj perlojn, ringojn al la amatin' ?....
Sed la zefiro uragane ĵetis sin
Sur la kastelon ; tage, nokte li bruegis,
Li fajfis, siblis ; ĉiujn murojn li skuegis !

Kaj, kiam al preĝej' la gefianĉoj iris,
Li ĉie la petalojn el la rozoj ŝiris
Por neebligi, ke la bela juna paro
Florornamata estu de l'vilaĝanaro.
Eĉ provis la zefir', feliĉe sen sukceso,
Sekigi en kalik' la vinon de la meso,
Kaj blovis tra l' sonorilej' kun tia forto,
Ke sonis terurega sonorad' pri morto!

NIKOLO, emociite.

Kor' mia batas!

JAKOBO, same.

Li parolas emocie!

PETRO.

Rakonto bela!

VULKANO, malbonhumore.

Mi jam aŭdis tion ie!

SOLANGO, kortuŝite.

Kompatindul'! Ĉu li forgesis poste ŝin?

OLIVERO, interesigite.

Ĉu ŝia edzo...?

LA BARONO, same.

Kia estas nun la fin'?

JAKASO.

Nun flugis la zefiro trans la oceanojn
Kaj el la tuta mond' kunigis uraganojn!
Li ree, post du jaroj, je la lasta fojo,
Kun ili, ĉion frakasinte sur la vojo,
Alvenis ĉe l' kastelo.... Blovos li
Ĝin disen, kvazaŭ nur pajlero estus ĝi!...
Sed sur la kort' li en saliklulilo vidis
Infanon novnaskitan, kiu lin alridis...
Patrin' rigardis ĝin kun tiom da espero,
Ke li ne volis esti kaŭzo de sufero,
Kaj mortis li, lulante dolĉe la fileton
Kaj blovetante sur infanmuelileton;
Li ĝoje sian vivon kaj malamon finis
Ĉe la pied' de l' panjo, kiu lanon ŝpinis.

---

Jen nun la emocia fina sceno de l'tria akto. SOLANĜO restis sola sur la scenejo; ŝi pripensas kaj sopiras, sidante sur ŝtona benko. Noktiĝas iom post iom.

JAKASO, kiu senbrue proksimiĝis.

Ho, ne sopiru!
Vi malĝojigajn memorajojn ja
Ne havas! Kion vi bedaŭri povas?

Vi ne komencis eĉ vojaĝon vian !
Ignoras vi malamon kaj malveron :
Vi devas havi fidon kaj esperon !

SOLANĜO, melankolie.

Tremigos min malklara sento tima
En mia barko, sur la mar' senlima...

ĴAKASO, kareseme.

Se nuba estus la arkaĵ' ĉiela,
Je via ven' ĝi ree iĝus hela !
Kaj jam mi vidas la insulon ĉarman,
En kiu vi alvenos, malproksime
De l' monda batalad', tenante
En via mano manon ! Iru vi
Sentime tien, kien vent' vin sendos,
Ĉar vian barkon feliĉec' atendos !

Pli proksime kaj pli kareseme.

Alĥemiisto, kiu eliksiron
De l' perfekteco serĉus, devus koni
Antaŭe la sekreton de l'miksaĵo
De la donacoj, kiujn al vi faris
La Disinjoro. Kia malŝparemo !
Vi havas ĉion : nomon tiel dolĉan,
Ke ĝin elparolante oni lernas
Rideti ; estas tiel puraj viaj
Okuloj bluaj, ke, vidante ilin,
Verecon mem image oni vidas.
Ĉiela tia blu' al ili restis,
De kiam en ĉiel' seraf' vi estis.
Okuloj viaj restis grandaj, ĉar
Kutimis ili senlimaĵon vidi ;
Mi tion sentas, pripensante la
Grandiozaĵojn, kiuj tie ilin
Heligis, en la supernuba sfero :
Tro puraj ili estas por la tero !

SOLANĜO, mirante kaj emociite.

Ĵakaso....

ĴAKASO.

Vian koron tute novan
Mi, la unua, volas emocii ;
Mi volas, ke vi ne forgesu, ke
Ĵakaso, la unua, al vi diris :
« Vi estas bela... » Ho, infano, vi
Reaŭdos tiujn vortojn, de alia
Diraĵaj... Sed unuan emocion
De via kor' naiva, la unuan
Ektremon de vizaĝo via hela,
Solanĝo, malgraŭ la alia, kiu

Ĉi tien venos, tion ŝuldos vi
Al via amuzist' Ĵakas', al mi!

SOLANĜO.

Vi diras : « La alia, kiu venos »... ?

ĴAKASO.

La atendato, la vi-mem, kun kiu
Poemon vi legados, kiam viavice
Post tiom da amantoj kredos vi
La amon eltrovinta esti!

SOLANĜO, tre emociite.

Amon?

ĴAKASO.

La amon, jes! Spirito via eble miris,
Ĉar via buŝ' neĉastan vorton diris...
Ho, kial? Ĉu la jena vorto ne konsolis
La teron, kiun la ĉiel' malbeni volis?

SOLANĜO.

Ve, kio estas am'?

ĴAKASO.

Poetoj, filozofoj,
Difini provas ĝin rezone kaj per strofoj!
Neniu ĝian bonon kaj malbonon diras!
Bonaĵ' ĝi estas, kiu koron dise ŝiras,
Aŭ malbonaĵ' terura, kiun oni benas,
Trinkaĵo, kiu estas dolĉa, sed venenas!
Ĝi estas fonto de malsano aŭ de forto :
Por tiu ĉi la vivo, kaj, por tiu, morto!
La antaŭjuĝojn de la homoj ĝi primokas :
La manoj tuj kuniĝas, kiam amo vokas!
Ho, ami estas trovi — kaj kun kia ĝojo! —
La homon, kiun oni serĉis sur la vojo,
La homon ignoritan, tamen rekonatan,
Naskitan por vi sola, la animon fratan!
Timigi povas lin nek sanga batalado,
Nek ŝtona muro, nek fermita fera krado,
Kaj malgraŭ ĉio, malgraŭ ĉiuj, li alvenas...
Infan'. ĉu vi komprenas min?

SOLANĜO.

Mi vin komprenas.

Ĵakaso prenis la floron, kiun Solanĝo en sia emocio lasis fali sur siajn genuojn, kaj daŭre ĝian odoron enspiras.

La kurteno subiĝas.

*Tradukis* D-RO W. VAN DER BIEST. MIGUEL ZAMACOÏS.

## Avizo

Nia agema kunlaborantino F-ino MARIA POSENAER bonvolis promesi al ni raporton pri la kongreso de Bern. Sed ĉar ŝia vojaĝo daŭris pli longtempe, ol si antaŭe konjektis, tiu raporto ne povis esti preta ĝustatempe. Ni presigos ĝin en nia proksima numero.




ANTWERPEN

32-34, Van Dyckstraat

apud la Parko

—o—

**Veraj Orientaj**

**Tapetoj**

*La deveno de ĉiuj komercaĵoj*
*estas garantiata.*
*Oni fabrikas laŭ mezuro kaj skizo.*

33

**Aĉetado kaj Vendado de okazaĵajlibroj**

# JOS. SOLY

LIBIRTOS

*11, SINT JORISPOORTSTRAAT,*

ANTWERPEN

48